# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski

| XXXII JARO | NRO 12 | DECEMBRO 1938 |
| --- | --- | --- |

ELDONANTO — WYDAWCA

POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO

REDAKTANTOJ — REDAKTORZY

PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.

## ĈIAM LA SAMO!...

Dum la lasta Ĝenerala Kunveno de PED oni riproĉis la Komitaton, ke ĝi nenion faras kaj tial la grupoj ne volas aliĝi al PED. Responde oni substrekis, ke devas esti tute alie, la grupoj devas fariĝi antaŭe membroj de PED kaj tiam ĝi estos potenca, ĝiaj agoj alportos fruktojn kaj nia movado, bazita je forta fundamento de centra organizaĵo, ne vegetados, sed laboros fruktodone.

Ŝajnas, ke al tiuj vortoj de la respondo ne estas necese ion aldoni. Ĉiuj ja komprenas, ke en unueco kuŝas la forto de ĉiu organizaĵo. Ju pli forta la organizaĵo, des pli grava estas ĝia influo! Tial PED senĉese alvokas kaj alvokas, aperigas artikolojn, en PE, esperante, ke la grupoj komprenos tiun ĉi neceson. Sed ĉiuj alvokoj estas vanaj, la vortoj flugas senefike, la grupoj ne aŭdas aŭ ne volas aŭdi ilin. Ili nek respondas niajn cirkulerojn, nek aliĝas al PED.

Kaj dum la plej proksima Gen. Kunveno de PED, oni denove ĵetos la riproĉon, ke ĝi nenion faras kaj tial la grupoj ne volas aparteni al ĝi. Kion do fari? Certe ekzistas faktoroj, kiuj ne inklinas al kuniĝo, sed duaflanke oni devas kompreni, ke kuniĝo de ĉiuj fortoj en unu organizaĵo multe helpos al foriĝo de tiuj ĉi kontraŭaj influoj. Forta organizaĵo pli facile povos plenumi siajn taskojn. Aliokaze helpos nek ĉiuj penoj de izolaj samideanoj nek »kvinmil fondo«.

La temo estas certe por vi tre enuiga, sed oni devas ĉiam ripeti la samon, por fine ekvidi la celon!

*Alf.*

### „KVINMIL — FONDO".

Pluaj pagoj por la „Kvinmil — Fondo":

Warszawskie Stow. Esper. . . . . zł. 5 —

**ĈU VI JAM PAGIS LA ABONON POR POLA ESPERANTISTO?**

# C. O. P.

## (CENTRALNY OKRĘG PRZEMYSŁOWY POLSKI)

# CENTRA INDUSTRIA REGIONO DE POLLANDO.

La problemo de Centra Industria Regiono ĉiam vigle interesas opinion polan en Polujo kaj alilande. Kie do troviĝas tiu Centra Industria Regiono aŭ C. O. P.? Ĝi ampleksas basenon malnovpolan, t. e. regionon de Kielce, altaĵon de Lublin kaj malaltaĵon de Sandomierz — kune 44 distriktojn (powiat), kiuj estas partoj de 4 vojevodioj: tiuj de Kielce, Kraków, Lublin kaj Lwów.

Ĝi estas grandega surfaco de 58.669 km², loĝata de 5 milionoj kaj 600 miloj da homoj, kun meznombra loĝantaro de 95 loĝantoj sur 1 km².

Ĝi ne estas teritorio freŝdate malkovrita aŭ trovita por la industrio. Komencoj de la pola industrio sur tiuj teroj datiĝas jam de XVI jrc., rimarkiĝante poste per laŭdinda laborakiraĵo de civitanoj kiel Staszic, Lubomirski, Steinkeller, Łubieński kaj aliaj. La tempoj de mallibero steriligis tiun centron de Pollando, formantan teritorion pleje forantan de la ŝtatoj najbarantaj kun Polujo.



Centra Industria Regiono de Pollando markita sur la karto per blanka makulo.

### Kiel ekestas la Centra Regiono.

Sur unua loko oni metis en la centra regiono la problemon de plikonstruado de fontoj de mekanika energio kaj de alirebligo de ĝi en plej vasta mezuro al produktaj procezoj. Unuafoje oni entreprenas grandskale plikonstruadon de fontoj de energio, apogante sin cur ĉiuj teknikaj ebloj, t. e. ne nur sur karbo, sed ankaŭ sur tera gaso kaj produktoj bitumaj kaj fortoj de akvo.

Sur dua loko en sferoj de publikaj laboroj oni metis problemojn komunikajn. Ĉi tie temas ne nur pri plinombrigo de kutimaj kaj fer-vojoj, sed ankaŭ pri ordigo kaj vigligo de reto de tiuj akvaj.

Tria elemento estas plikonstruo de aro da krudaĵproduktado. Oni povas nun rimarki komencojn de konstruado de fabriko de artefarita kaŭĉuko, fabrikon de celulozo, komencojn de granda kaj moderna metalfandejo kaj unuajn trovaĵojn de ferminejo, apud jam antaŭe konstruitaj kaj nun plikonstruataj produktejoj de krudaĵoj severe kemiaj.

Kvara elemento estas produktado de fabrikaĵoj pretaj, kelkfoje fabrikaĵoj precizaj, modernigontaj metodojn de produktado. Al tiu grupo ekz. apartenos fabriko de frezmaŝinoj, fabriko de motoroj, fabriko de elektroteknikaj aparatoj k. t. p.

Komenco de realigado de tiu plano aŭtomate jam altrudas vicon de novaj problemoj, novaj zorgoj, novaj postuloj. Tiel estis ankaŭ en Gdynia, simile estos en la centra regiono.

Laŭ la programo farita de vicĉefministro Kwiatkowski jam de du jaroj oni konstruas kun svingforto C. I. R (C. O. P.) en ritmo superanta la fariĝadon de Gdynia.

### Rożnów.

»Se ne estus malfeliĉoj, ne estus grandaj verkoj en la mondo — skribas en libro pri C.O.P. la konata verkisto M. Wańkowicz. — Se ne estus timo de milito, kredeble ne fariĝus la centra regiono, kiu estos ekonomia bonfaro de la lando. Se ne estus superakvego en 1934 j., la rivero Dunajec eble ĝis nun servus nur por turismaj raviĝoj.

Sed en 1934 j. ĝi faris domaĝojn por 75 milionoj da złoty.

Kaj tiel la j. 1937 superis la paciencon kaj decidigis.

En 1935 oni komencis konstruadon de basenego en Rożnów (rojnuf).

En mallarĝa ezofago inter montoj, kie en

mezepoko kavaliro Zawisza Czarny (zaviŝa ĉarni) havis kastelon... inĝeniero baris al Dunajec la vojon.

Ekbolis la laboro pri alikonstruado de organismo de Polujo. Oni prilaboris planon de konstruado de basenegoj akvaj kaj uzinoj akvo-elektraj. Estas starigotaj 27 basenoj en riverbaseno de Vistulo, 19 basenoj en tiu de Dniestr. Ĝis 1938 j. oni elpezis por tiu celo 57 milionojn. Brilos en ili trankvile, antaŭe anarkia, inundanta ĉiu-kvarjare akvo kaj atendos ĝis kiam la homo mansignos al ĝi. Kaj s-o ministro de komunikado promenos inter tiuj basenoj kvazaŭ klopodema mastrino inter manĝaĵaj ŝrankoj kun fasko da ŝlosiloj en la manoj:

— Eble tiun ŝranketon ni malfermos por hodiaŭ? Eble tiun ĉi?

Tia plej granda ŝranko estos la baseno en Rożnów.

Ni veturas al Rożnów sunan someran tagon. Aŭtomobilo leviĝas per serpentaj vojoj supren kaj falas en valon. Nun ni veturas sur fundo de venonta lago. Tiu monto, staranta en mezo de la valo kaj ardanta en la suno per oreca tufo de aŭtunaj karpenoj, fariĝos insulo. Ni alboriĝados al ĝi per boataj por tie aranĝi gajajn majfestojn.

Kontraŭ tiun salikon, starantan ĉe vojkurbiĝo fisoj sin premos por ovometado.

Rapide ni surveturas la terenon de la laboroj. Sub piedoj altiĝas la betona maso; oni sukcesis jam elkonstrui 93.000 m³. Oni elrompis 127.000 m³ da rokoj, oni jam elfosis 300.000 m³ da tero. Supre la valo estas ŝpinita per reto de dratoj. Sur ili rampas moviĝantaj, spritaj, orientiĝantaj en direkto, kiel dresitaj bestoj, — leviloj. Granda pordego de fera konstruaĵo, subtenanta tiujn dratojn, leviĝas per nigra silueto super la valo. Aŭtomataj enbatilegoj kun rabio tondras sur kapoj de ŝtalaj fostoj, enigataj en fundon de la tero. Sur serfina rubandego fluas griza tavolo de cemento kaj verŝiĝas, verŝiĝas en precize elektitajn punktojn. Ŝajnas, ke la mondo duafoje ekestas. Kaj la gasto, lacigita de urbaj vidaĵoj, ekstaras mirigite kaj serĉas en profundaĵo de sia amo respondon: kio estas la popolo, kiu dronas en senfortaj vaporaĵoj kaj kiu scias manetendi al la plej grandioza vorto, al la vorto unua, kiun la mondo ricevis, kaj kiu sonas: »fariĝu«.

**Ni reguligas Vistulon, por ligi la centran regionon kun Silezio kaj Gdynia.**

Kiam ni kreis la elflugejon en la mondon en Gdynia, kiam ni konstruas la centran regionon, forsaltinte kun ĝi de karbaj terenoj, kiam, konstruinte la traheon, nun ni muntas ventron, koron, intestojn, renojn, hepaton de la juna ŝtato, kiam tiun ŝtaton kunligos — kvazaŭ per grandioza vertebraro potenca elektra kablo, granda gaskonduko — kiel do estos kun tiu kotaĵo, surverŝita en mezo de la lando, kiu nomiĝas rivero?

Ni kreos el ĝi arterion akvan kaj portan helpe de tiuj »manĝaĵŝrankoj« akvaj, el kiuj unu estas Rożnów. Helpe de remparoj kaj reguligo...

Inĝeniero scias, ke tiu ne granda rivero sukcesas fari salton de normalaj kvar ĝis kvar miloj da m³. Li deziras enmagazenigi la akvon. Li starigas laŭlarĝe de la valo baron en dudek-metra profundaĵo de la tero kaj altigas ĝin tridek metrojn super la surfaco. Tiu monstra betonamaso, longa duonan kilometron, larĝa ĉe fundamento 30 metrojn, tiuj 380.000 kubometroj da betono — estus 300 grandaj sesetaĝaj domegoj, kiuj formus straton kiel Marszałkowska en Warszawa sur distanco de placo de Unio ĝis la Saksa ĝardeno.

Ni atingos priprofundiĝon de l' akvo dum 80 tagoj de varmega vetero, kiam oni plej multe bezonos helpon el „akvaj manĝaĵŝrankoj", kaj je 40 tagoj, kiam la flosado entute haltus, ni plilongigos ĝian ĉiujaran sezonon. Ni atingos facile transporton de 3 milionoj da tunoj jare, kio donos 19 milionojn da ŝparaĵoj jare. La tuta granda vojo de Vistulo de la silezia minejteritorio al Sandomierz kostos 100 milionojn da zloty, do la kostoj kovriĝos dum 5 jaroj...

Tio estas malfacila, tio estas tre grava tasko — ne por ŝultroj de unu generacio — kunligi C. I. R. kun Gdynia, reguligante Vistulon en tuta ĝia fluo. Sed dume en limoj de la Centra Regiono oni faros multe. La plano antaŭvidas reguligon de Vistulo de Oświęcim ĝis Sandomierz per kosto de 32 milionoj. Ni ricevos 16 milionojn da hektaroj da novaj fekundaj kampoj kaj ni protektos kontraŭ superakvego 32 milojn da hektaroj.

**Ŝtalfandejoj en Stalowa Wola.**

35 km de Sandomierz, 6 km de Rozwadów, 11 km de Nisko oni aĉetis por konstruado de grandaj metalfandejaj fabrikoj 600 hektarojn da tereno. En marto oni faligis unuan pinon. Ĉar tie ja estis vera arbaro, kreskanta aur sablo. Generalo Scaevola-Wieczorkiewicz vadas nun apud mi en la sablo inter nun starantaj haloj kaj kapturnas:

— Ĉi-jare vintre mi ĉi tie ĉasis.

Nun tie staras aro da pavilonoj. Fervojan relaron oni konstruis ne provizore por veturigi konstrumaterialon, sed daŭre, oni kondukis ĝin sur lokoj, super kiuj volbiĝas grandegaj vitraj haloj.

Tie laboras konstante 2500 laboristoj. 6000 homoj laboras por fabrikoj en la tuta

Polujo... Ĉi tie estos ŝtalfabriko. Oni jam kovris per konstruaĵoj 80.000 m² per 1 miliono da m³, oni jam foruzis 10.000 tunojn da fero. Leporo timigita saltekkuras antaŭ ni kaj rapidegas tra breĉo inter du kreskantaj domblokoj. Supre, alte leviĝas super la arbaro turo de akvopremo, tra kiu fluos akvo de rivero San. Homoj alkroĉitaj sur ĝia supro aspektas kiel burdoj. Ree ni eniras la halon. Ĝuste tiam oni muntas en ĝi levilon, kiu facilege levados 60 tunojn, alkurante al vagonoj, venantaj sub la tegmenton, kaj disportante ŝarĝojn al diversaj lokoj.

Sekvantan halon oni ankoraŭ ne komencis tegmenti. Jam staras vico de feraj duoblaj 16-tunaj fostoj, sur kiuj apogos sin plafonoj... Ĉi tie oni enbatas 14 fostojn ferbetonajn, sur kiuj apogos sin venonta konstruaĵo. Tie oni montras al ni lokon, kie staros premilo je forto de 1000 tunoj, alia posedos forton de 2.500 tunoj, kaj ĉi tie estas loko, prikalkulita kaj rezervita por ankoraŭ ne mendita premilo je 5.000 tunoj.

La fabriko laborigos 4.000 laboristojn. Socia protektoficejo jam preparas sin por asekuro de 12,000. Ni rigardas kolonion, konstruatan por tiuj laboristoj provizitan per kanalaro, tollavejo, banejo. kazinoj, sportludejoj.

Tiuj uzinoj produktados preskaŭ 2-foje tiom, kiom la metal fandejo de Baildon dum jardekoj konstruata.*)

*\) *(Tradukita lau „Polska", eldonaĵo de Tutmonda Asocio de Poloj Eksterlandaj).*

*T. H.*

(daŭrigota)

# LA KRISTNASKOFESTO EN POLESIE.

En neniu provinco de Pollando popolaj kutimoj kaj kredo de antaŭuloj ne konserviĝis tiel fidele kiel en Polesie. La kristanaj tradicioj intermiktiĝas kun superstiĉoj kaj praktikoj datiĝantaj de paganismo, kiuj transiĝadis de generacio al generacio ne malfortiĝante kaj ne ŝanĝiĝante. Nenio miriga en tio: Polesianoj, surloĝantaj nemezureblan plataĵon grizan kaj melankolian, kelkmaniere identiĝis kun la naturo kaj tre malmulte subiĝis al la influo de samtempaj civilizaciaj fluoj, tiom pli, ke la kondiĉoj, en kiuj ili vivas kaj la peza laboro, al kiu ili sin donas, kuniĝis por fari ilin rezistaj kontraŭ ĉiu fremda agado.

La popolaj kutimoj, per kiuj oni celebras la Kristnaskofeston en Polesie, estas interesaj kaj variaj. La plej interesaj, tamen, estas eble tiuj, kiuj konserviĝis ĝis niaj tagoj en profundaĵo de la provinco en la distrikto de Stolin, kien la moderna kulturo malfacile enpenetras.

La Kristnaskofesto estas antaŭata de 40-taga fasto. En tiu tempo la knabinoj kolektiĝas vespere por ŝpini, esceptante vendredon.

La antaŭtagon de Kristnasko de frumateno granda misordo regas en kubanoj: la mastrino bakas bulkojn kaj kukojn, kaj la knabinoj ornamas la domon. La muroj estas dekorataj per floroj kaj rubandoj de paperoj diverskoloraj, en la fenestroj pendas koloraj paperaj kurtenoj kaj oni pendigas sub plafono, sed nur super la tablo, mallarĝajn paperstriojn je akraj koloroj.

Kiam la vespero proksimiĝas la ĉambro estas diligente balaata kaj surŝutata de flava sablo (ordinare ne ekzistas planko en polesiaj kabanoj). Sur la tablo oni sternas unue iom da fojno, memore al Jezuo Kristo, naskita en stalo, poste tukon de blanka tolo. En unu angulo de la ĉambro, sur breto oni metas branĉon de abio, ornamitan per etaj objektoj faritaj el papero. La tuta familio sidiĝas ĉirkaŭ la tablo, kaj la mastrino alportas la tradiciajn manĝaĵojn: unue barĉon kun fungoj, poste kuiritan fiŝon, kukon de maizo kaj la tradician »kutia«-n (kaĉo el senŝeligita tritiko, kuirita, dolĉigita per mielo kun papavo.

Kiam la mastrino metas »kutia«-n sur la tablon, la mastro malfermas la fenestron (en iuj domoj oni malfermas la fenestron nur la antaŭtagon de nova jaro) kaj krias: »Frosto, frosto, venu rapide manĝi »kutia«-n kaj ne frostigu fabon, sekalon, hordeon, poligonon, maizon aŭ bovideton«.

Post la vespermanĝo, la mastro eltiras de sub la tablotuko unu tigon de fojno por scii, kia estos la rikolto de greno, hordeo, aveno k. t. p. Se li eltiris tigon longan kaj rektan, la rikolto estos bona.

En aliaj vilaĝoj oni eliras en la korton por vidi, ĉu sur la vojo estas paŝsignoj. Se la neĝo ne estas tro alta tiel, ke oni povas vidi nigrajn paŝsignojn, la rikolto de poligono estos abunda. Oni observas ankaŭ stelojn sur la ĉielo. Se ili estas multaj, tio signifas, ke la brutaro pliiĝos. Se la branĉoj de arboj estas kovritaj de prujno, estos

multe da fruktoj. Se ne frostas la antaŭtagon de Kristnasko, baldaŭ estos printempo.

Dum la aĝuloj okupas sin tiel pri praktikaj demandoj, la knabinoj, kompreneble, revas pri edziniĝo. Ili kuras en ĝardenon kaj aŭskultas, de kiu flanko venas la bojado de unua hundo, kiun ili aŭdis, ĉar de tiu flanko venos ilia fianĉo. Ili iras ankaŭ sub la fenestrojn por aŭskulti la babiladon. Se ili aŭdis: »Ni levu nin de la tablo, ĉar ni jam sufiĉe longe sidis« — tio estas ne erariga signo, ke ili edziniĝos dum la proksima jaro; sed, se kontraŭe — oni diris: „ni restu ankoraŭ iom«, — malbona aŭguro! — la fianĉo estas ankoraŭ malproksime. Sed ankoraŭ pli malbona signo estas ekaŭdi vortojn: »pastro«, »tabulo«. aŭ »kandelo«, ĉar tio aŭguras morton en la proksima jaro. Knabinoj, kiuj ne sukcesis aŭdi la magiajn vortojn, klopodas ekkoni sian venontecon en alia maniero. En ombro ili subite kaptas plurajn pecojn de ligno aŭ barilstangojn. Se ili kaptis paran nombron de la objektoj, ili baldaŭ solenos sian edziniĝon.

En tiu tempo la virinoj disvolvas fadenvolvaĵon. Se la fadeno disvolviĝas rapide, la mastrino havos multe da brasiko, Se la fadeno estas malbone kunvolvita, se ĝi malfacile disvolviĝas, infanoj, naskitaj en la proksima jaro, havos kurbajn gambojn. En kelkaj regionoj oni interligas piedojn de la tablo, por ke la brutaro ne iru sur grenkampon kaj la abeloj ne forflugu de la abelujo.

Poste ĉiuj enlitiĝas. La mastrino ne deprenas la manĝilaron de la tablo Ĉiu manĝinto metas sian kuleron sur telereton kaj formas sur ĝi kruceton de fojno, por ke la »malbonulo« ne venu kaj ne faru petolaĵon al la familio. La kulerojn oni metas sur dorson. Se dum la nokto unu el ili deturniĝos, tiu, kiu ĝin uzis, ne ekvidos la venontajn Kristnaskofestojn.

En Kristnaskonokto la mastrino portas al la brutaro restojn de la vespermanĝo. La fojnon oni prenas de la tablo kaj zorgeme konservas por ĝin manĝigi en la tago de la nova jaro kaj de la tri reĝoj. Generale oni pasigas la tagon hejme en la familia rondo. Vespere la gejunuloj kolektiĝas en iu kabano. Ili preparas grandan stelon el kartono kaj »turonj«-on, beston fantazian kaj komikan kaj, sekvante tre malnovan kutimon, ili iras de domo al domo por kanti Kristnaskajn kantojn. Ĉiu volonte malfermas al ili la pordon aŭ donas al ili malgrandajn bulkojn el sekalo, speciale por ili bakitajn; la plej riĉaj alĵetas ankaŭ kelkajn groŝojn.

La sekvan tagon granda moviĝo fariĝas en la vilaĝo. La najbaroj ĉiam sin intervizitas por vespermanĝo. Vespere la invititoj alvenas. La mastrino akceptas ilin kaj surtabligas malvarman viandaĵon kaj kukojn en formo de krono. La tablo estas abunde provizita. Antaŭ ta mastro de la hejmo troviĝas botelo da brando kaj glaseto La mastro komencas, verŝante por si du glasetojn, kiujn li eltrinkas je sano de la gastoj Poste, prenante per la maldekstra mano la glaseton kaj per la dekstra la botelon, li enmanigas la glaseton al sia dekstra najbaro, kiu trinkas laŭvice, ĝis kiam la botelo kaj la glaseto rondiris ĉirkaŭ la tablon. La knabinoj trinkas ankaŭ iom da brando, surkovrante la vizaĝon pro honto per la antaŭtuko, dum la fatrino kuraĝigas ilin: »Do trinku iom, Halka aŭ Olenka«. Eltrinkinte, ĉiuj prenas la manĝaĵon, per kiu la tablo estas kovrita. Kiam la manĝo estas finita, la unua levas sin la mastro. En momento de foriro ĉiuj gastoj ricevas de la mastrino pecon da kuko. Tiutempe la junularo gaje babiladas.

# SANGA SIGNO DE NIAJ TEMPOJ.

Al ni, maljunaj postculoj de la XIX jarcento, la kruelaj tempoj de la rusa carisma agado ŝajnis io neimaginebla, barbara. Antaŭ dekkelkaj jaroj ni ankoraŭ havis plenan konfidon al la Ligo de Nacioj, al la pacema kunvivado de homoj kaj ŝtatoj; ni eĉ estis konvinkitaj, ke fine ni staras antaŭ nova epoko de aliigita vivo de la tuta Homaro.

Vane! Niaj iluzioj disrompiĝis, kiel kugletoj de ŝaumo.

Ni ne estis simpatiemuloj de generalo Tuhaĉevski, nek de prusa junkro gen. Schleicher, nek de Roehm, sed eble neniu el ni, legantoj de ĉiutagaj ĵurnaloj, tralegis tute trankvile la sciigon pri mortpafo de 14 malliberuloj transportataj el unu malliberejo al alia.

Legante tiajn okazintaĵojn, ni revenas al la memorigo de kruelaj interbataladoj de italaj ŝtatetoj de mezepoko, kiam tiamaj ŝtatestroj kaj diktatoroj-tribunoj senindulge

---

murdadis siajn kontraŭulojn. Kie oni povus trovi analogion de buĉado de Tuhaĉevski kaj naŭ generaloj de soveta revolucio? Kiamaniere homoj edukitaj en la tradicio de XIX jarcento, tradicio de humanismo kaj kulturo povus kompreni la murdon de hispana politikisto Calvo Sotel, deputito, per la polica bando? Kiamaniere kompreni la murdon de Roehm, kaj tiun de generalo Schleicher?

Ne estas fino. Sekvas murdoj de miloj da senkulpuloj, kiuj estas kulpaj nur pro tio, ke ili apartenas al alia homa raso, jam de jarcentoj loĝanta en kultura Eŭropo? Ĉu vere kultura? Ĉu tiu ĉi vorto ne sonas nun ironie? Ni, esperantistoj, kaj kune kun ni ĉiuj pensantaj homoj devas ne nur kondamni similan agadon, sed ni konstatas, ke tiu ĉi agado ne estas la fino de la nuna epoko. Komenciĝas Nova Epoko, kiam la homo perdas rajtojn de unuopulo. Li iĝas sklavo.

Tiuj ĉi pensoj stariĝis antaŭ miaj okuloj post la tralego de artikolo de s-ro K. Pruszyński en krakova ĵurnalo Ilustrowany Kurier Codzienny.

*O. B.*

★ ★ ★

**Dankoj.**

Al Samideanino **Ludmila Jevsejeva**: Koran dankon pro bondeziroj. Ni ĉiam kun vera plezuro legas viajn belajn poeziaĵojn.

*O. B.*

---

**Respondoj kaj dankoj.**

Samideano **Kazis Vidikauskas** 2833 Livingston St. Philadelphia. PA. Koran dankon por viaj artikoloj kaj letero. Mi respondos pli detale kaj sendos deziratan de vi materialon kaj fotografaĵojn. Mi bone ricevis ankaŭ la fotografaĵon de vi kaj de via filo Adiaŭon al F-ino Lidia Zamenhof ni publikigos en la venonta nro de P. E.

S-ro **A. Opulski,** Prez. de **Litova Esp. As.** en **Taurage** Litovujo, kaj aliaj subskribitaj gesamideanoj. Koregan dankon pro via afabla letero kaj pro bondeziroj.

Ni, esperantistoj restos ĉiam fidelaj al nia ideo; pacon kaj amon por ĉiuj popoloj de la mondo sen diferenco de raso, religio aŭ politikaj konvinkoj. Ĉiu el ni amas sian lingvon, sian patrujon, sian propran religion. Neniu el ni povas malami iun ajn patrujanon. Tia estas nia kredo. Eĉ dum la tempo de tiom da kruelaĵoj.

*O. B.*

# B I B L I O G R A F I O.

## EL LA GAZETARO.

**Franca Esperantisto,** nro 50, novembro, publikigas gravan cirkuleron de la Ministro de Publika Edukado. Tiu cirkulero rilatas al la liceoj, kolegioj, superprimaraj kaj teknikaj lernejoj; deklaras du aferojn. Unue, ke Esperanto estas, kaj baldaŭ fariĝos pli kaj pli utila por la internaciaj rilatoj inter intelektuloj, komercistoj kaj teknikistoj. Due, ke la Ministro opinias dezirinda la disvastigon de Esperantaj studoj kaj ke li aprobas la kreon de esperantaj laŭvolaj kursoj en la publikaj instruejoj kaj dum la „kontrolitaj distriĝoj“ (Franclingve en la originala ministeria cirkulero: „Loisirs dirigés“).

Vere kuraĝiga ago de la Ministerio kaj grava sukceso por nia movado.

**Sro Lebrun,** Direktoro de la Centra Oficejo de Pedagogia Dokumentado promesis presigi je la kosto de la Ŝtato libreton, entenantan tri lecionojn pri Esperanto, preparitajn de s-roj **Aymonier** kaj **Varinghien** kaj de F-ino **Rameau.** La libreto estos disdonota al la profesoroj de la publika instruado.

En junio-aŭgusto 1938 36 grupoj de la S. F. P. E. en Eŭropo, Azio kaj Afriko (en francaj kolonioj) transdonis post sukcesaj ekzamenoj en Esperanto pli ol 400 diplomojn de lernado. Krom tio 14 diplomojn pri supera lernado.

Granda sukceso de nia lingvo en Francujo.

**Internacia Pedagogia Revuo** nro 5-a. El raporto de la Realiga Komitato de la Varsovia Jubil. Univ. Kongr. de Esper. pri la agado por la lerneja Interŝt. Esp. Akordo, prezentita al la Londona Kongreso, ni ekscias, ke la kongresa alvoko estis sendita al 52 diplomataj reprezentantoj kaj senpere al 8 ĉefministroj, 62 ministroj de eksterlandaj aferoj, 25 ministroj de publika klerigado aŭ estroj de landa publ. instruado en 86 landoj. IEAk ne postulas tujan enkondukon de Esp. en lernejon, sed parolas nur pri promeso samtempe enkonduki Esp., se almenaŭ 6 ŝtatoj faros la samon.

Oficejo: Esperanto en Lernejon C. Kruseman str. Amsterdam Z. 43 III komunikas, ke la Nacia Kongreso en Hago la 5 de novembro, brile sukcesis. Pli ol 1.500 personoj ĉeestis dum la kunveno. En la sekvonta nro estos raporto pri detaloj.

**Heroldo de Esperanto** eldonis 1000-an

nron de sia meritplena organo. Ni, ĉiuj esperantistoj, korege dankas pro la oferemo kaj persisto de nia estimata Samideano Redaktoro -- Teo Jung. Li ĝuste diras, ke la miriga optimismo tamen estas prava. Ne facila estas nun la poresperanta agado, tiom pli multe ni devas penadi subteni tiom meritplenan semajnan gazeton, unuнuran en Esperantujo.

Metro - Goldwyn - Mayer urĝe bezonas esper. geaktorojn, tion diras s-ro Jos. Scherer, Prez. de E. A. N. A., kiu priskribas sian sukceson en Hollywood. Li elektis por la nova filmo, kaj eĉ dungis mem, 4 personojn taŭgajn por esperante ludota Idiot's Delight (Amuzo de l' Idioto).

Estas necese, ke ĉiuj esperantistoj skribu tuj al Metro - Goldwyn - Mayer, al reĝisoro Clarence Brown, (kiu postulis Esperanton), gratulleterojn pro la uzo de Esperanto. Bonvolu mencii la aŭtoron de artikolo en Heroldo de Esp., s-ron Jos. Scherer.

Esp. movado sendube multe profitos el tiu ĉi filmo por la propagando. Kiel jam estas supre dirite, la poresperanta amaskunveno en Hago bonege sukceŝis. Nun el Heroldo ni ĉerpas pliajn detalojn. Nome la kunveno konkludis: Konstatinte la ĉiam kreskantan kaj ankaŭ alilande sentatan bezonon je mondhelplingvo por internacia trafiko, la nacia kongreso por Esperanto — petas registaron kaj parlamenton: 1) akcepti Esperanton inter la fakultativajn instrufakojn nomitajn en art. 2 de la leĝo pri elementa instruado, 2) instruigi Esperanton en la institutoj por estontaj geinstruistoj.

**Esperanto Katolika,** oktobro - novembro, Dro J. A. Quina Gonzalez sigelestro de Esp. Centro Argentina varbis por Esp. la Direktoron de „El Pueblo", unu el plej gravaj matenĵurnaloj en suda Ameriko, kaj jen aperis 4 artikoloj de s-ano Gonzalez en tiu gazeto. Estus tre dezirinde, ke samideanoj kaj esp. gazetoj disvastigu tiun ci novaĵon. Samideanoj, danku s-ron redaktoron Sanquinetti Dir. de El pueblo — Strato Piedras n-o 567 -- Buenos Aires. (per letero aŭ poŝtkarto").

**Nederlanda Esperantisto.** Novembro. Prelegoj de S-ano Julius Glück en Amsterdam okazos baldaŭ. Memoriga kaso de Margarete Saxl. Francaj Esperantistoj en Germanujo afable akceptataj: Lyona karavano vizitis Kolonjon.

**La Juna vivo...** Novembro. Priskribo de ekskurso de la Interna Junularkunveno en Groel (Nederlando).

**Skolta Bulteno.** Novembro. Harry C. Luyke Nederlando, priskribas postkongresan tendaron en Kimrujo, faritan de li kaj frato Jean Girard post la SEL-tendaro en Londono, laŭ invito de esp. pastro - skoltestro frato E. N. Thomas. Dum la vojaĝo ambaŭ bravaj junuloj vigle propagandis Esperanton, instruante skoltojn per la Cseh-metodo. Nur malmultaj scipovis la lingvon, sed reveninte hejmen ĉiuj skoltaj junuloj diskutis la aferon kun gepatroj.

**O Brasil Esperantista,** nova fazo de **Brazila Esperantisto,** en oktobro priskribas la Londonan kongreson kaj informas pri kelkaj novaĵoj. Ĉe la Supera Komerca Lernejo, nia konata samideano Dro Everardo Backhauser inaŭguris kurson de Esp. je la ĉeesto de kelkaj gravaj registaraj personoj. Enskribiĝis 40 gelernantoj. Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko oficiale akceptis Esperanton. Nia amata samideano **Ismael Braga** dum unu jaro faris grandan esp. laboron. Li dum tiu tempo skribis 7 (sep!) verkojn, propagandilojn de Esperanto. Giganta persistemo! Dankon de ni ĉiuj.

**The British Esperantist.** Novembro. Dum gravaj interparoladoj de politikistoj kaj ŝtatestroj, kiam milito tuteŭropa ŝajnis esti jam tute proksima, pli ol iam ajn iĝis evidenta la neceso de unu lingvo por interkompreno. Mr **Neville Chamberlain** diris mem, ke estas tre malfacile kredi al tute certa traduko de diversaj esprimoj per tradukisto. Sammaniere esprimas sian opinion S-ro **Anthony Eden.**

Estas tute necese akcepti unu lingvon por interkompreno.

Treege grava progreso por Esperanto estas nun videbla en Britujo. 169 delegitoj de IEL en diversaj urboj de Anglujo jam 34 nur en Londono estas la nombro, kiu imponas kaj pruvas, ke la venko de Esperanto alproksimiĝas.

**Flandra Katoliko.** Aŭgusto. Fondiĝis ligo sen nomo, kies celo estas ŝanĝi kaj transformi la nunan homan mentalecon de egoismo de personoj, ŝtatoj, popoloj Kvankam ni estas optimistoj, tamen ni opinias, ke en niaj tampoj la noblaj celoj de la societo ne estas realigeblaj.

**Flandra Esperantisto.** Novembro. Ni ne povas konsenti kun la aŭtoro, ke Esp. ne estas egala al naciaj lingvoj. Aŭtoro opinias, ke bona oratoro en esp povas facile eldiri lingvajn fuŝaĵojn, kiujn oni tuj rimarkus en iu ajn nacia lingvo. Mi estas certa, ke lerta esperantisto facile rimarkas fuŝaĵojn, sed ofte estas tro afabla por ilin rimarkigi al la amata samideano fuŝisto.

**Svenska Esp. Tidningen:** la Espero. Septembro. Preskaŭ tuta n-ro en sveda lingvo.

Novembro. Eldona Societo Esperanto estas 20-jara. Akceptu niajn gratulojn. Estimata Samideano Red. H. Halldor. Via belege fotografita juna vizaĝo promesas longan fruk-

todonan laboradon por la Esperantistaro kaj por via bela Patrujo. Preskaŭ ĉiujare unu belege eldonita libro!. **La Andree-libro** estos por ĉiam unu el la plej belaj eldonaĵoj, kiuj aperis en esp. lingvo. Samtempe: dokumento pri oferemo de l' homoj grandanimaj, kiuj penadis trovi novajn vojojn por la scienco. Ni devas ankoraŭ aldoni, ke s-ro Ho — Ho (signo de artikoloj skribitaj de s-ano Halldor) estas fama ĝardenisto kaj patro de dolĉa 6 jara blondulineto. En viaj manoj nia afero sendube multe profitos.

Meritplena kunlaboranto sub la Verda Standardo ĉefkontisto Adolf Larson fariĝis 50-jara. Li ĉeestis la Bulonjan Kongreson. Post la tralego de broŝuro de Paul Nylen li iĝis esperantisto. Li donis la ideon pri la fondo de la Eldona Societo.

La 20 de novembro Selma Lagerlöf iĝis 80 jara. Mondkonata sveda Nobelpremiitino, kies verkojn, tradukitajn esperanten, konas ja ĉiuj samideanoj (Gösta Berling, Mono de sinjoro Arne, La junulino de Stormyr k. al).

Fama aŭtorino, bonvolu akcepti korajn bondezirojn de la Redakcio!

Samideanoj, ne forgesu viziti Svedlandon, kiam vi havos okazon. Kvankam mi jam trifoje estis en tiu belega lando de blankaj noktoj, mi tre volonte refarus tion.

**La Progresanto.** Septembro. Red. **Degenkamp.** Utrecht. Bonega instrua gazeto por komencantoj kaj progresantoj. Bedaŭrinde nur por nederlandanoj. Estus treege dezirinde, ke similaj gazetoj estu ankaŭ en aliaj lingvoj. Eldonaĵo de Laborista Esperantisto.

**Helena Esperantisto.** Septembro, oktobro. Tre trafe nia amata samideano Redaktoro **Stamatiadis** nomas: Misoneismo la strangan abomenemon de homoj, kiuj, ne konante eĉ bazojn de Esperanto, antaŭjuĝas ĝin kiel ne nur ne bezona, sed ankaŭ malutila lingvo, kiu celas anstataŭi naturajn naciajn lingvojn. Do ni citu kelkajn frazojn de s-ro Stamatiadis: Misoneismo (el greka lingvo: kontraŭulo de novaĵoj) estas terura bomeno, kiun eksentas certaj personoj kaj bestoj (kiel oni rimarkas ĉe la sovaĝuloj) pro forta antipatio kontraŭ ĉiu novaĵo aŭ ŝanĝo, kiu surprizas kaj ektimigas ilin, kaj kiun ili konsideras kiel ofondon, eĉ kiel atencon mem, kontraŭ ili. Ekzemple: oni ofte rimarkas ĉe hundoj eksterordinare konserveman fanatikismon: ili bojas, bojegas kaj obstinege furioziĝas kontraŭ fervojoj, aŭtomobiloj, bicikletoj, lumgaso eĉ muziko, kiam ili renkontas ilin por la unua fojo. Certaj ĉevaloj kutimiĝintaj surporti oficirojn en uniformo, ribele stariĝas kaj eĉ forĵetas la rajdanton, se li ne havas almenaŭ oficiran ĉapon.

Do mizoneismo estas patologia simptomo de nenormala mensa stato.

**Vera Vojo.** Tokio. Japanujo C. P. O. Kesto nro 304; fondita de **Taro Ibuŝi** 1899. Dupaĝa monata gazeto nro 452. Ĝi esprimas la deziron, ke ekzistu almenaŭ unu esper. biblioteko en ĉiu lando. En Tokio oni jam komencis laboradi por tiu ĉi afero.

Mi devas aldoni, ke en Polujo jam ekzistas tia bibl. ĉe la Industria Urba Muzeo en Kraków, gvidata de s-ro inĝ. Dir. E. Tor.

En la sama n-ro estas kelkaj interesaj reklamoj pri japanaj specialaĵoj. Malaltaj prezoj.

**S. O. S. Speciala Radio-servo de la Franca Esp. Klubo.** Vidu Radio-disaŭdigoj. **Renoviĝo.** Editorial Lumen-Mexico. Novembro.

La malbonaĵoj en la Malnova Mondo atingas Amerikon kaj malfaciligas la eniron de eksterlandanoj. Germanujo pretendas, ke la lando, kien eksterlandanoj estis permesataj eniri, iĝu eksterlanda teritorio. Pro tio Mexico limigas nun la enmigradon, ĉar ĝi estas devigita akcepti duonmilionon de meksikanoj forpelitaj el Usono

Oni povas aldoni, ke el Polujo por 1939 nur 100 enmigrantoj estos allasitaj al Meksiko.

**Laborista Esperantisto.** Red. **G. Söderkvist.** Stockholm. Novembro. Laŭ la lastaj statistikoj sur la terglobo ekzistas 2796 diversaj vivantaj lingvoj. Jen la ĉefaj 860: Eŭropo 48, Azio 153, Afriko 118, en Norda kaj Suda Amerikoj 414 kaj en Oceanio 117. Esperanto volus esti helpilo. Ke ĝi taŭgas, tion pruvas jam 50-jara ekzisto kaj iom — post — ioma disvolviĝo de uzado kaj la literaturo ĉiam kreskanta. (Heroldo).

**Dansk Esp. Blad.** Novembro. Doktora disertacio kun esper. resumo. Farita de s-ino **Elisabet Olsson** kiel tradukaĵo de la ĵus eldonita disertacio de ŝia frato doktoriĝinta. Unuafoje en Svedujo. En 11 kluboj de Danlando vigla movado kaj multaj Esp. kursoj.

S-ino **Wilhelmine Lovgreen** festis sian 80 jaran naskiĝfeston!

Niaj bondeziroj al la plej agema Esperantistino en Danujo.

**Nederlanda Esperantisto.** 26 nov. En teruraj tempoj tamen Esperantoj! Ankaŭ en mezepoko estis multaj noblaj homoj. Se niaj posteuloj, trafoliumante niajn gazetojn, legos pri bombardadoj, persekuto, bruligado de libroj kaj sinagogoj, ili konkludos, ke ni vivis en teruraj cirkonstancoj. Tian unuflankecon oni rimarkas ankaŭ en la juĝoj pri homoj, popoloj ka rasoj. Se ni renkontas malagrablan judon, ni ne atribuu tiun malagreblecon al la tuta juda popolo. Tiam ni

pensu pri Zamenhof, kiun ni nomas nia Majstro, kiu en 1912 en sia granda modesteco volis esti simpla esperantisto inter ĉiuj aliaj esperantistoj. Se ni legas pri barbaraj turmentemaj germanoj, ni ne atribuu tiun barbarecon kaj turmentemon al la tuta germana popolo. Ne, tiam ni pensu pri multaj spiritaj gigantoj, grandiozaj filozofoj, sciencistoj, artistoj, pri kiuj la tuta mondo fieras.

Nova romanserio, eldono de SAT kaj FLE: ses novaj libroj, prezo po 95 cendoj. 9 esp. sekcioj vigle laboras.

**La Kritika Observanto** Internat. Publishing Co. 116 Titchfield St. London W. I. Angl, nro. 4 Mondpolitika Revuo. Faŝismo en Sud-Afriko. Seksa Problemo.

**L' Information Medicale.** Octobre. Tute franclingve.

## LIBROJ POR RECENZO.

**Ministero por la Stampa e la Propaganda.** Oni povas ne traduki, ĉar ĝi estas komprenebla. La Ministerio alsendis du belajn fotojn kun priskriboj.

Romo de la tempo de Mussolini. La Roma maŭzoleo de la filino de Konstantino.

Priskriboj ne sufiĉas. Estas nepre necesse vidi renovigitan Romon, kiu por ĉiu turisto estas vera mirindaĵo. Ni publikigos la alsenditajn artikolojn.

**Aldono, suplemento al la I. E. L. Jarlibro 1938.** Ĝi entenas la nomojn de nuna komitato kaj aldonojn kaj ŝanĝojn en la deligitaro post la apero de Jarlibro 1938. Ankaŭ tute konciza priskribo de la 30 kongreso en Londono.

**31 Univ. Kongreso en Bern.** Pluaj detaloj kaj prezoj de la loĝado kaj manĝado.

**Turisma Fako. Osaka Urbodomo. Japanujo.**

**Joab Eljot defendas sin** eld. presejo Sukro 2 Cambridge str Willougby NSW Aŭstralio. Oktobro.

**Dro France Preseren.** Bapto ĉe Savica esper. Damjan Vahen.

**Kensaku Simaki:** Karcero. Trad. el japana lingvo. Redakcio de Tempo. Eld. Libr.

**Kaniya, Teramati**-Ebisugava. Kioto. Japan.

La libro entenas kvar verkojn: Lepro, Suferado. Falo. Blindigo. Superhoma Suferado korpa kaj mensa de t. n. penskrimuloj.

**Fako de Amerika Asocio por Internacia Scienco.** Prez. Dro **A. J. Bahm.** Texas Technol. College Lubbock. Sekr. Prof. **L. A. Ware** 400 N. Clinton Str. Iova City Iowa. Nuna nro inaŭguras la uzon de AAIS gazeto kiel ofic. informilo. Estas du Komitatoj A kaj B, kiuj prizorgas la tutan entreprenon. Fako de AAIS estas fako nur en Scienca Gazeto, dum la etnografia kaj lingvistika fakoj estas fakoj de Amer. Esp. Inst.

### Cirkulero de IEL nro 5.

**Filia Oficejo, Tegelbacken.** Stockholm.

Dum Londona Kongr. estis starigita propono, ke la franca kaj angla asocioj liveru konstante taŭgan novaĵmaterialon por publikigi ilin en enlanda gazetaro. Kelkaj el tiuj novaĵoj estas jam publikitaj en diversaj landaj gazetoj.

### Lyona Foiro.

Kiel kutime alsendis novajn afiŝojn kaj proponon dissendi al ĉiuj interesotaj personoj detalojn de la intern. Lyona Foiro, kiu okazos en 1939 komence de marto.

*O. B.*

RUDOLF LÖWIT.

# LA HIPNOTIGITA EDZO.

La juna mastrino ekstariĝis de la tablo. „Ni prenos la kafon en kabineto". Turnante sin al la gasto, ŝi diris: „Bonvolu tamen promesi vian daŭrigan rakontadon pri la travivaĵoj en Oriento. Tio estas tre interesa temo".

„Bone, murmuris jese ĉia edzo kaj faldigis la buŝtukon en arĝentan ringon. Li ofertis bonan cigaron al la gasto kaj diris: En atmosfero intima oni babiladas pli agrable. Kaj mi devas mencii, ke via rekontado pri hipnotismo speciale min interesas.

Post kelkaj momentoj ili sidis jam triope en oportuna angulo de la kabineto. Ĉiuj silentis. Neniu havis kuraĝon komenci la konversacion. Ili estis inspirataj kaj ĝuis tiun staton. Alta lampo kun siringkolora ŝirmilo staris sur la planko kaj ĉirkaŭjetis diskretajn radiojn. Antikva horloĝo tiktatadis regule sur la kameno. Kaj de tempo al tempo la mebloj iomete krakbruis.

La mastro bongustumis sian cigaron, englutante intertempe la kafon.

La gasto enspiris la subtilan parfumon de ĉarma najbarino, kiu kune kun la aromo de havana cigaro incitis lin multege.

La mastrino duonfermis kokete siajn palpebrojn. Kiel volonte ŝi amindumus kun la gasto. Ŝi deziris dorloti lin, glatigi liajn harojn kaj kisi la belajn okulojn. Ŝiaj nazloboj tiel forte tremadis, ke nur pene ŝi povis kvietigi siajn sentojn.

„Rememorante la hipnotismon, interrompis subite la mastro, mi povas kredit ke la kobro simion kaj pantero cervon hipnotizi povas. Tio estas naturrajto. Sed la hipnotismo de homoj estas nur humbugo por histeriaj virinoj.

Mi estas komercisto kaj realisto. Mi eĉ ne povas pensi, ke iu povus ion al mi sugestii, por kio mi ne estus respondeca, kvankam li havus dek fantaziajn turkfezojn sur la kapo.

Vi eraras, respondis la gasto kun ironia rideto. En Tibeto mi unumomente lamigis la brakon de giganto, kiu volis enpuŝi tranĉilon en mian koron. Mi venkis sovaĝajn kanibalojn nur dank' al mia forta volo.

Ciu kaj ĉio estas hipnotigebla. Eĉ Cezaro, Aleksandro kaj Napoleono. Sed ĉiam devis kaj devas aperi la pli forta. La gasto, parolis mallaŭte, sed ĉiam pli insiste. Li sulkigis la brovojn kaj atente rigardadis la mastron.

„Hm, respondis jam malpli certe la mastro. Via rigardo estas vere strangmaniera. Tamen mi estus preta eksperimenti...“

Kion vi deziras, demandis la gasto kaj disfaldigis la sulkojn sur la frunto?“

„...kiu de ni anbaŭ estas pli forta. Mi petas, bonvolu hipnotizigi min“.

„Dagoberto, lasu ĝin, por kia celo tiu eksperimento...? „demandis la edzino.

„Kial ne? insistis la edzo, estas jam longa tempo, kiam mi travivis ion similan. Mi volas denove rememorigi ĝin“.

Do, se vi deziras kaj estimata sinjorino permesas, respondis la gasto, butonumis sian redingoton kaj proksimiĝis al la mastro.

Cu mi povas ankoraŭ unufoje engluti la cigarfumon, demandis timene la mastro?

Bone, sed rapidiĝu, diris en komanda tono la gasto. Nun bonvolu sidiĝi sur la apogseĝo, kaj klopodu ne streĉi viajn muskolojn.

„Cu mia frostotremo ne gravas? demandis ankoraŭ la mastro“?

„Silentu! komandis akratone la gasto, vi laciĝos nun pli kaj pli. Viaj palpebroj malleviĝos peze. Fermu tuj la okulojn! Vi ne povas malfermi ilin plu“.

La mastro diskretrigardis lastfoje.

Ĉu vi ne komprenis murmuris la gasto? „Vi ne scipovas plu malfermi viajn okulojn. Mi ordonas tion al vi. Nun provu! Bonvolu respondi“.

La mastro fermis nerve siajn okulojn...

„Ne... mi vere ne povas...“ li respondis kun voĉo malproksimiĝanta.

Karulo, murmuretis la mastrino al orelo de la gasto, vi estas nobla homo, vi ne malutiligos la situacion. Li estas tiel bona viro.

„Pst“ diris la hipnotizanto kun diabla rideto kaj levis alte la brakon de sia mediumo, kiu tuj malleviĝis. Ĉu vi dormas bonege? Ĉu vi vidas ion? Kion vi nun vidas?

„Nun... mi... vidas kartavis la mastro“...

„Do kion vi vidas...? demandis la gasto“?

„...Ke vi neniam estis...“

Pli rapide, pli precize!“ urĝis la gasto.

...„nek en Tibeto... nek en ĝangaloj... kaj aliaj lokoj,... mi eĉ ne scias kiel ili nomiĝas...

Malvero,ektondris la hipnotiganto kaj mordis siajn lipojn.

Kion li rakontas demandis la mastrino?

Mi devas plifortiĝi, respondis la gasto frotante siajn manplatojn, kiuj iomete malsekiĝis. Poste li tuŝis la frunton kaj la tempiojn de la mastro dirante:

„Mi donacas al vi pli grandan provizon de energio. Kion vi nun vidas?“

„Aha, sopiris malpeze la mastro, nun mi vidas multe pli bone... pli precize... preskaŭ tute precize...“

Do fine — ekpensis la hipnotiganto kaj blovis direkte al vizaĝo de la mediumo.

„...Tio estas... silabis la mastro... la kurteno..,“

„Kio?“

„...Jes, la kurteno... tie en la manĝoĉambro... kaj apude...

La gasto kaj la mastrino ekrigardis unu la alian...

„kaj apud ĝi... mi vidas...“

„Mi ne komprenas, kion vi vidas?“

„Mi vidas vin... kaj ŝin ..“

„Hodiaŭ mi estas malkapabla, interrompis la gasto, mi vekos vin. Mi kalkulos ĝis nombro tri kaj en tiu momento...

„...,kaj vi ĝuste kisas kaj dorlotas. .“

„Unu! ekkriis fortege la hipnotiganto“.

„...kaj vi ĵus enbrakumas mian edzinon... kaj nun mi eĉ aŭdas...“

„Du! eksiblis pasie la gasto. Vekiĝu jam ĉe tiu nombro!“

„Oh... ankoraŭ unun momenteton, nun mi eĉ aŭdas, la voĉon, kiu diras...“

„Tri! pro Dio tri! diris malesperanta gasto“.

„...la voĉon. . kiu diras, ke mi malsupreĵetos vin de la ŝtuparo...“

„Estimata sinjoro“.

„...se vi tuj ne malaperos, amen!“

La mastro suprenlevis pene la palpebrojn. Liaj pupiloj vagadis en proksima ĉirkaŭaĵo. Kie mi estas, li esploris?“

Li observis la gaston: Vi foriras jam?

„Mi havas ankoraŭ rendevuon kun miaj amikoj, hodiaŭ“.

Atendu, mi tuj alvokos la serviston kaj li sonorigis.

Tio estas stranga afero, parolis la edzo, restante sola kun sia edzino, kiu staris apud la fenestro, Mi neniam kredus esti tiel bona mediumo. Kaj kio estas plej interesa, ke mi tute ne rememoras, kio okazis dum tiu tempo... Sed tio ne gravas. Bonvolu sidiĝi apud mi. Mi ekbrulos alian cigaron kaj ni eltrinkos kalikon de malnova konjako favore al nia feliĉa kunvivado kaj sano.

Tradukis *Helena April*

# RADIO.

**Per radio Esperanto eniras sur kampon vere praktikan! Subtenu la E. dissendojn! Skribu al la Stacioj!**

## PROGRAMO DUM DECEMBRO

**La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.**

### REGULAJ ĈIUSEMAJNAJ DISSENDOJ.

**Dimanĉe:**

10·10—10·25 Kortrijk (204 m) Kroniko de G. Debrouwere.

19.00—19·30 Reykiavik (1442 m) Esperanto-kurso de TH. Thordarsen.

22·30—22·45 PRC 7. Mineira (96 kil.) „Momento de Esperanto".

**Lunde:**

18·45 — 19·00 Montpellier - Languedoc (224 m) Kroniko de A. Capoulade.

20·00—21·00 JV 2 RL Caracas (51,72 m) Parolado.

22·00—22·25 2RO (31,13 m) Radio-ĵurnalo.

23·45—0·30 Paris PTT (431 m) Esperanto-teatraĵo.

**Marde:**

18·00 — 18·10 M. Ostrava (269,5 m), Parolado.

21·20—21·35 Kaunas (1936 m) Klaipeda Memel 531 m) Lyiae (35 m) „Nia anguleto".

22·00—22·10 Turi (410 m), Tartu (579 m), Tallinn (229 m) E. kroniko.

23·35—23·40 PRF3 (31·58 m), PRF2 (780 m), Rio de Janeiro, Oficialaj informoj kaj kantoj dum la „Horo de Brazilo".

22·25—22·40 PRF3 Sao Paulo (960 m), informoj kaj kurso.

**Merkrede:**

2·45—3·45 XECR (50·17 m) Mexico — Esperanto-kroniko.

15·00—15·20 Paris PTT (431 m) — E. kurso de C. Roseau.

21·00—21·20 LTI Radio del Litoral. Rosario: Kroniko.

**Vendrede:**

2·45—3·45 XECR Mexico (50·17 m) — Kroniko.

**Sabate:**

10·30—11·— 7 HO HOBART — E. kroniko.

16·15—16·30 Loksbergen-Limburg (202 m), Esperanto-kvaronhoro.

19·00 — 19·20 Roma (420 m), 2RO (25·4 m) — Turisma kroniko.

22·25—22·40 PRFA Sao-Paulo (960 m), Informoj, kantoj kaj kurso.

0·30—1·00 Baraelona (377 m), Pri Hispanujo.

---

## ENTE NAZIONALE INDUSTRIE TURISTICHE (E. N. I. T.).

**Italaj Turismaj Kronikoj.**

Regularo por la 5-a Radio-konkurso 1939 — XVII.

1) „Ente Nazionale Industrie Turistiche" (E. N. I. T.) estigas la Kvinan Konkurson por la aŭskultantoj de la „Italaj Turismaj Kronikoj" en fremdaj lingvoj.

2) Ĉiuj fremduloj kaj Italoj, loĝantaj ekster la Itala Regno, ĝiaj Kolonioj kaj Posedaĵoj, povas partopreni la Konkurson, kiu estas provizita per 8 premioj, konsistantaj en duaklasa fervoja bileto por ir-reiro de la itala landlimo ĝis Roma kaj en 10 hotelkuponoj, kategorio B, por kompleta pensiono.

3) La Konkurso konsistas en la disradiigo de kvin „radiofoniaj sintezoj" pritraktantaj kvin malsamajn italajn turismajn centrojn, kies nomoj ne estos anoncataj.

4) La konkursanoj devos identigila urbon

aŭ la turisman regionon priskribitan. La priskribojn oni disaŭdigos en lingvoj: franca, angla, germana, nederlanda kaj Esperanto.

5) Por faciligi la taskon al la konkursanoj, oni ilustros la temojn per ludado de tipaj regionaj muzikaĵoj kaj per mencioj pri apartaj vidindaĵoj, apudaj lokoj, famaj monumentoj, historiaj okazintaĵoj ktp. rilatantaj la identigotan lokon.

6) Estos gajnintoj la personoj, kiuj identigos ĉiujn lokojn koncernitajn de la Konkurso.

7) Se la solvintoj estos pli multenombraj ol la aljuĝotaj premioj, la lotado decidos. Tiu lotado havos lokon antaŭ la mikrofono en la sama tago, por ĉiuj lingvoj.

8) Ne estas necesa antaŭa aliĝo. Konkursanoj fariĝos ĉiuj personoj kiuj, observinte la regularon, sendos la solvon ĝis la 20 a de februaro 1939. al ENTE NAZIONALE INDUSTRIE TURISTICHE Radio-Turismo — 5-a Concorso — Via Vittorio Veneto 62 — Roma (Italia).

9) La Konkursanoj ne rajtas partopreni per pli ol unu solvo.

10) La Konkursanoj konigu, plej klare, siajn nomojn personan k. familian, kaj adreson (prefere maŝinskribitajn).

11) La Konkurso komenciĝos la 2a de Januaro 1939 (lundon) per franclingva disaŭdigo.

12) La „Radiofoniaj-sintezoj" estos disradiataj per la stacioj Romo II. (245 m, 1222 kc/oj) kaj I. R. F. (30,52 m, 9830 kc/oj) de 18,40 ĝis 19 (M. E. T.).

En Esperanto sabate la:
7 an de Januaro
14 an „ „
21 an „ „
28 an „ „
4 an „ Februaro

Bondezirojn! Italujo atendas vin! Kia belo estas vojaĝadi senpage k. restadi en la Sunriĉa Lando tute senkoste! Partoprenu amase!!!

---

Regularon de la konkurso oni povas ricevi ĉe PED. (Kraków, Lubicz 34) aldonante poŝtmarkon por respondo.

---

## PLI OFTAJ ELSENDOJ PER RADIO EIREANN.

Jen la programo por la estontaj disaŭdigoj de Radio Eireann (531 metroj):

Unua Dimanĉo-4a Decembro — 19·15 h (25 min) La Naciaj Dancoj de Irlando (kun muziko gramofondiske).
Tria Mardo-20a Decembro — 19·10 h (15 min) NOVA SERIO: Skizetoj pri Irlandaj Herooj: I. Owen Roe O' Neill.
Unua Dimanĉo-1a Januaro * (15 min,) II. Patrick Sarsfield.
Tria Mardo-17a Januaro * (15 min.) III. Wolfe Tone.
Unua Dimanĉo-5a Februaro * (15 min.) IV. Robert Emmet.
Tria Mardo-21a Februaro * (15 min) V. Daniel O'Connell.
Unua Dimanĉo-5a Marto * (15 min) VI. Patrick Pearse.
Tria Mardo-21a Marto * (15 min) SPORTLUDOJ EN IRLANDO.
Unua Dimanĉo-2a Aprilo * (15 min) Irlanda Influo en Eŭropo.
Tria Mardo-18a Aprilo * (15 min) Eŭropa Influo en Irlando.
Unua Dimanĉo-7a Majo * (15 min) EKONOMIA STATO DE IRLANDO.

* Preciza horo ne fiksita — proksimume kiel en Decembro.

Ni afable petas vin diskonigi tiun ĉi programon inter viaj amikoj kaj en via klubo.

# NOVAĴOJ EL ESPERANTUJO.

## DENASKA ESPERANTISTARO.

Jen la unua blekado de infana asocio, kiu naskiĝis je kunveno en ĉi tiu Kongreso, la 2-an de aŭgusto 1938.

Kvankam infano, ĝi celas prizorgi infanojn. Jen ĝiaj anoncitaj celoj:

a) edukigi generaciojn de dulingvaj infanoj, tiel ke ili havu Esperanton kiel eble plej egale kun la nacia lingvo;

b) plifaciligi la enkondukon de la infanoj en esperantistajn rondojn, por ilin familiarigi kun la Esperanta vivo kaj sento;

c) plifaciligi internacian kunfratiĝon per korespondado kaj reciprokaj vizitoj;

d) helpi publikigi taŭgajn libretojn por infanoj;

e) ĉiumaniere interisigi kaj kuraĝigi la infanojn, kaj tiel trakti pri ili, ke ili iĝu »laŭnaturaj esperantistoj«.

Gia membraro havas tri kategoriojn:

Individuaj Membroj: Tiuj kies gepatroj aŭ kuratoroj promesas, antaŭ ol la infano atingas lingvokomprenon, ke ili edukos ĝin kiel Esperanto-parolanton.

Asociaj Membroj: Tiuj, kiuj jam atingis komprenpovon sed ankoraŭ estas infanoj laŭleĝe, kaj kiuj, aŭ propravole, aŭ pere de siaj gepatroj aŭ kuratoroj, promesas bone esperantiĝi.

Helpmembroj: Tiuj, kiuj subtenas la asocion per helpo al ĝia kaso.

Ni esperas ke multaj aliĝos al la lasta, laŭ bonvolo kotizanta, kategorio, ĉar la kotizo de duono da svisa franko por la infanoj ne povas pagi la necesajn pres- kaj poŝt-elspezojn, precipe en la unuaj jaroj.

Ni esperas trovi reprezentantojn ĉiuloke, — prefere virinojn, ĉar ĉi tiuj pli taŭge kaj efekte rilatados kun familioj kie estas infanoj. Oni proponas ke la reprezentantoj portu oficiale la familiaran titolon »Onklino de Denaska Esperantistaro«. Ili varbos gepatrojn kaj la pli aĝajn infanojn, kaj kuraĝigos kaj instigos ĉiujn esperantistiĝi, kaj poste resti fidelaj.

La kunveno decidis ke, por la unua jaro, la Estraro kaj oficistoj: la Statuto kaj Regularoj estu konsiderataj kiel provizoraj. Per kaj laŭ ci tiuj ĝi laboros ĝis la 31-a Kongreso, kiam ĉiu afero rekonsideriĝos kaj definitive fiksiĝos.

Kiel Prezidanton por la unua jaro oni elektis s-ron Robert Robertson (»Pra-onklo Roberto«); kiel Viv-prezidantojn, s-ron Alfred Mittey (Paris) kaj s-on Krolenbaum (Londono): kiel Generalan Sekretarion s-inon J. W. Neal, la iniciatintinon de la projekto (»Pra-Onklino Rahel«); Adreso: 48 Elvendon Road, London N. 13. Kiel Estraranoj kun la jam cititaj estas elektitaj s-ro Paul Blaise (Londono), s-ro Tiberio Morariu (Svedujo) kaj s-ro Elek Tolnai (Budapesto).

Por certigi la veran internaciecon de D. E. la Statuto postulas ke la ĉiujara Kunveno, ĉiun trian jaron, decidu ĉu aŭ ne oni ŝanĝu la sidejon de la Centra Oficejo.

Ni treege deziras sciiĝi, pere de la Generala Sekretariino aŭ iu Estrarano, pri la nomoj kaj adresoj de taŭgaj »Onklinoj« en ĉiu regiono de la mondo, ĉar ni firme kredas ke nia nova asocio, per la laboro de tiuj Onklinoj, povos havi bonegan efikon je la estonteco de nia movado.

Do, helpu nin ĉiuj!

*Robert Robertson kaj Rachel S. Neal, fak-kunvenestroj.*



---

ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·—. Eksterlande 7 sv. fr. Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40.

ANONCOJ: 1/2 paĝo zł 30·—, 1/4 paĝo zł 15·—, 1/8 paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.

PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.

OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł 30·—, 1/4 strony zł 15·—, 1/8 strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.

Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406. 60.

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LUBICZ 34.

Wykonano w Drukarni Miejsk. Muz. Przemysłowego w Krakowie. Redaktor odpowiedzialny: Dr Leon Rosenstock.